Sed manuskriptojn antikvajn, escepte de diversaj leteroj el XVII kaj XVIII centjaroj — mi, kontraŭe, renkontis malmulte.[12])

Ankoraŭ estis ĉi tie fine — interesa kolekto da diverslingvaj (plej multe polaj) nuntempaj ĵurnaloj, gazetoj kaj revuoj. Kraszewski ricevis ilin tiam ĉirkaŭ 60. Sed ĉi tiujn gazetojn la eldonistoj sendis al li senpage kaj kiel estas facile komprenebla, aŭ pli bone: kiel tre malfacile komprenebla — tiu ĉi vera „miraklofaranto“ ne nur ilin ĉiutage mem propramane distranĉis kaj zorge trarigardadis, sed kiel oni povas konvinkiĝi el milaj da liaj presitaj raportoj, kronikoj kaj recenzoj — li ilin ĉiam plej atente studis.

## II.

*Pli gravaj kvalitoj de karaktero de Kraszewski. — Kelkaj detaloj pri lia eklogo kaj lia hejma vivo en Dresdeno. — Bedaŭrinda lia farto. — Miriganta, malgraŭ tio, lia forto de volo. — Preskaŭ senekzempla lia grandega multkreado kaj universaleco. — Metodo de lia laboro k. t. p.*

> Laboranto sen tempo aŭ kun tempo triobla! Vi eĉ ne vidas ĉi tiujn montojn, kiujn Vi suprenlevis per Viaj propraj manoj! Rigardu malantaŭen! Vi estos mem per si, mirigita! Kaj tial ne mirinde, ke Viaj fortoj jam komencis malfortiĝi, ke Vi hodiaŭ povas labori apenaŭ nur tiom, kiom laboras almenaŭ dek homoj . . .
> (Rajmundo Wasilewski al J. I. Kraszewski.)

Mi nun parolos pri karaj por mi rememoroj, pri la hejmaj kutimoj kaj la vivo de Kraszewski en Dresdeno, ankaŭ pri lia nekomparebla multkreado kaj lia metodo de laboro.

Mi havis feliĉon estadi en lia hejmo, en lia preskaŭ konstanta akompano — plenajn sep monatojn.[13]) Eble havis neniu pli bonan ol mi okazon observi tiel atente kaj tiel proksime la vivon kaj la laboron de tiu granda viro.

[12]) Cetere, pri tuta enhavo de ĉi tiu ŝatinda Biblioteko klarigas plej precize: „Katalogo de Biblioteko, Manuskriptoj, Diplomoj, Gravuraĵoj, Geografiaj Kartoj, Atlasoj, Fotografaĵoj k. t. p., restintaj post la morto de J. I. Kraszewski. Per klopodo de Francisko Kraszewski, ordigis kaj registris Mikaelo Pawlik. Eldono de Familio de Mortinto. Lvovo. „Pola Presejo“ strato de Sobieski, N-ro 28. — 1888. En granda 8⁰. Paĝ.: 2 s. n. + 649.

[13]) En la 88-a N-ro de „Kurjer Warszawski“ de 1887 j., mi kun vera malagrableco trovis flatantan por mi, sed bedaŭrinde eraran aludon, ke mi estis en la daŭro de multaj jaroj sendisiĝa akompananto de Kraszewski. Estimata aŭtoro de tiu aludo ne ekmemoris versimile, ke mi parolis klare en citita de li mia artikolo: Kiel Kraszewski laboris (vidu: „Tygodnik Ilustrowany“, N-ro 221 de 1887 j.), pri kelkaj nur neniam forgesitaj de mi monatoj, kiujn mi pasigis sub gastama tegmento de Kraszewski, nek eĉ supozante, ke mi devos ho ve! tiel rapide lin forlasi! . . .

Aliaj eminentuloj en pli proksimaj rilatoj kun ni — perdas ofte tre multon el sia ĉarmo. Kraszewski — ĉe la persona interkoniĝo kun iu ajn, sciis ĉiam lin tuj favorigi por si.

Mi memoras ankaŭ, ke kiam mi unuafoje ekstaris antaŭ li, mi timis sincere tro malvarman aŭ indiferentan akcepton de li. Sed kun kia plezuro kaj kiel rapide mi konvinkiĝis, ke li tute ne estis eĉ iom nek fiera, nek vanta!

Kontraŭe.

La modesteco, la simpleco, la plej nobla koro, la neelĉerpebla boneco, la indulgemo kaj la kvieteco — jen estis ĉefaj kvalitoj de tiu granda animo. Pri si, pri siaj verkoj, pri ovacioj, kiuj lin renkontis — li rememoris preskaŭ neniam. Apenaŭ kelkfoje demandita, kaj preskaŭ perforte altirita al simila konversacio — li rakontis ion ajn, sed ĉiam plej mallonge kaj, kiel li povis, plej modeste. Tiel same, kiam mi interparolis kun li pri fama soleno de lia jubileo en Krakovo (1879) — li min certigis, ke li komprenis tiun ĉi grandiozan feston, sole kiel homagio esprimita ne al li, sed al komuna pola ideo — ideo, kiun li nur, konvene al sia propra povo, ĉiam penadis reprezenti.

---

De tempo de ekloĝo en Dresdeno, Kraszewski komencis la novan epokon de sia vivo . . .

Devigita subite forveturi el Varsovio eksterlanden, li troviĝis komence en tre malagrabla situacio. Sopiranta, soligita, suferanta tiutempajn malfeliĉojn de sia lando (pola revolucio de 1863 j.), li eĉ momente enfalis en ian staton de melankolio kaj rigideco. Kaj kio estas pli malbona, la saksa registaro, instigita de la rusa ambasadoro en Berlino, intencis kelkfoje forigi lin el Dresdeno, eĉ difinante al li decide — la tagojn de elveturo. Estis do jam ankaŭ en tiu tempo momentoj por li tre malfacilaj kaj dank' al diversaj sole liaj amikaj rilatoj li sukcesis fine ekloĝi konstante en la ĉefurbo de Sakslando.

Tamen, li ne rapide povis aĉeti por si la domon en Dresdeno.

Je la komenco li migris el unu strato en la duan. Li loĝis ekzemple: ĉe Aŭgustusstraße N-ro 6, Dippoldiswaldaergasse N-ro 8, Pillnitzerstraße N-ro 33, Seidnitzerstraße N-ro 1 k. a. p. Post kelkaj jaroj li fondis bonege arangitan polan presejon en Dresdeno, kiun tamen baldaŭ li vendis al D-ro Vladislavo Lebinski en Poznanio; poste li aĉetis la vilaon en Blasewitz (apud Dresdeno), sed ĉi tiun ankaŭ li baldaŭ vendis, por aĉeti alian — hodiaŭ jam ne ekzistantan — en Dresdeno, ĉe Nordstraße N-ro 27 (Neustadt); sed vendinte ankaŭ tiun ĉi lastan, li fine aĉetis la vilaon najbaran (Nordstraße N-ro 31), priskribitan de mi en ĉi tiuj miaj rememoroj.

Apenaŭ tiam li aranĝis sian domon pli oportune ol antaŭe.

Kiel ni jam vidis, la parteron kaj la unuan etaĝon li eklogis mem. La duan etaĝon li destinis por la tuta familio de tre bona kaj tre afabla maljunulino, S-ino Schneider, kiu en la daŭro de multaj jaroj kune kun

sia filino, S-ino F. Heinitz kaj sia filo S-ro Oskaro, (pri kiu mi jam supre aludis) direktis la hejman mastrumadon de Kraszewski.

Dezirante havi eventuale plej multe da tempo por siaj grandegaj laboroj, Kraszewski kompreneble devis por ĉio difini konvenajn horojn, devis en ĉio konformiĝi plej precize laŭ horloĝo. Ekzemple la tagmanĝon aŭ la teon, oni ne permesis malfruiĝi eĉ unu minuton. La akurateco en la hejmo de Kraszewski estis tiel granda, ke mi ne memoras, ke ĝin eĉ nur unu fojon oni malzorgis en io ajn. Volante malebligi ĉiajn malfruiĝojn li ordonis la plej bone irantan muran horloĝon pendigi en la kuirejo. Akurate la 8-an kaj 30 minutojn matene oni donis la teon aŭ la kafon; tiel same je 2-a horo — la tagmanĝon kaj je la 7-a vespere — de nove la teon. Ĉe la tagmanĝo sidiĝadis ankaŭ plej ofte kune kun Kraszewski la tuta familio de S-ino Schneider. Oni donis ordinare tri manĝojn, ankaŭ ĉiam nedisigeblajn... rostitajn terpomojn kaj por deserto — kompoton aŭ konfitaĵon, vinon kaj nigran kafon. La akvon Kraszewski trinkis neniam. Esceptinte la buljonon li ankaŭ tute ne manĝis — manĝaĵojn fluidajn, ĉar ĉiuj al li nocis. Krom tio, li egale neniam vespermanĝis. Unuvorte, li kvazaŭ evitis ĉion, kio povus ankoraŭ pli malfortigi lian organismon. Tre ofte ankaŭ por subteni sian farton, li forveturis Itallandon aŭ Homburgon kaj unu el plej kapablaj dresdenaj kuracistoj vizitis lin ĉiam kelkfoje en ĉiu semajno. Tamen, malgraŭ tio li estis senĉese suferanta. Preskaŭ seninterrompa tuso, la hemikranio kaj la ŝtonmalsano — turmentis lin kruele. Mi sincere ĉagreniĝis kiomfoje mi observis tiun ĉi batalon de lia spirito kontraŭ la suferoj de lia korpo. Sed li, kiel mi jam skribis, neniam permesis al si ian ajn ripozon eĉ dum plej sentigaj siaj suferoj. Lia kutime tre lacigita vizaĝo havis tiam tiel grandan esprimon de doloro, ĝi fariĝis tiam tiel terure pala, ke mi serioze ne unufoje timis ian katastrofon . . .

Tio estis efektive fenomena homa organismo! Mi jam parolis, ke Kraszewski preskaŭ senĉese estis malsana kaj suferanta. Sed ankoraŭ oni devas aldoni, ke li estis, krom tio, eksterordinare malfortika kaj nerva. Malgraŭ tio, li ĉiam kaj ĉie laboris, mi ne troigas anstataŭ — dek tre laboremaj homoj . . .

Al sia skribtablo li sidiĝis ĉiutage antaŭ la 9-a matene. Tie ĉi atendis lin ĉiam granda fasko da leteroj kaj gazetoj, kiujn la leteristoj alportis al li 5—8 fojojn ĉiutage. Ĝis la 11-a antaŭtagmeze li legis ricevitajn per matena poŝto librojn, gazetojn, leterojn kaj kiel ni scias, li tuj respondadis al siaj korespondantoj, ĉar alie estus jam tio tute ne plenumebla . . .

De la 11-a ĝis la 1-a posttagmeze, Kraszewski akceptis ordinare la gastojn.

De la 1-a ĝis la 2-a, li denove trarigardadis senditajn la librojn kaj la gazetojn aŭ respondadis la leterojn.

Akurate je la 2-a li sidiĝis al la tagmanĝo, kiu daŭris plej malfrue ĝis la 3-a.

De la 3-a ĝis la 4-a (somere) kaj eĉ iafoje dum belvetero, ĝis la 5-a — li faris, ordinare kun mi, sufiĉe malproksimajn promenadojn faetone aŭ pied-ire.

Reveninte en la hejmon li ree trarigardadis ĝis la 6-a, ricevitajn librojn kaj gazetojn, li propramane distranĉis ĉiujn iliajn foliojn, li faris diversajn notojn, li amasigis necesajn materialojn por siaj verkoj, li esploris multajn faktojn en diverslingvaj fundamentaj eldonaĵoj aŭ li legis kaj faris korektaĵon de senditaj al li multaj presprovaĵoj de liaj propraj kaj nur eldonitaj de li, malpropraj verkoj, li legis ankaŭ ne unufoje kelkvolumajn fremdajn manuskriptojn, li eĉ ofte tiam interparolis kun mi kaj aliaj personoj pri la diversaj aferoj, li donis al ni la plej diversajn komisiojn k. t. p., k. t. p.

De la 6-a ĝis la 7-a horo t. e. ĝis la vespera teo, li ludis plej ofte fortepianon, orgenon, violonon aŭ tra kelkaj ĉambroj li promenadis enprofundigita en siajn pensojn, eble pripensante enhavon de siaj estontaj verkoj aŭ eble . . . eble revante pri la estinteco kaj pri la al lia koro plej proksimaj estaĵoj . . . Ĉar ja ilin ĉiujn fatala sorto de longe ĉien disĵetis en la mondon! Do li havis pri kiu pensi kaj havis je kiu sopiri.

En la festtagoj kaj dimanĉoj Kraszewski okupis sin por plezuro per desegnoj kaj la pentrarto. Mi vidis la milojn — sen trograndigo: la m i l o j n — tiuspecajn liajn verkojn, sur la papero, la tolo, la ligno, la vitro, la porcelano per la peniko, la plumo, la krajono, la paŝteloj, la akvaj aŭ oleaj koloriloj k. t. p.

Antaŭ longa tempo li ankoraŭ okupis sin per muzikverkaj komponoj kaj gravurarto. Multaj de tiuj pruvoj, restis post li ĝis nun. Konservis ankaŭ, inter aliaj, kelkcent kupraj ladoj, propramane iam gravuritaj de li.

Tamen eble plej mirinda estas tio, ke malgraŭ tiel diversspecaj kaj diversflankaj okupoj, li sciis ĉiam trovi tempon por ĉio.

Rigardante lin proksime, des pli mi ne povis lin kompreni.

Ĉar ni memoru, ke li, krom la sennombraj siaj verkoj kaj multaj aliaj laboroj, faris ĉiujare malproksimajn vojaĝojn; ke li havis somere ĉiutage tempon por promenadoj; ke li ĉiutage akceptis gastojn; ke li eĉ mem vizitis iafoje amikojn; ke li havis ankoraŭ tempon okupi sin je diversaj bagateloj; ke li, krom tio, ĉiam estis malsana kaj fine, ke li havis tiam, kiam mi loĝis en lia hejmo — jam ĉirkaŭ 70 jarojn . . .

Kaj komprenu nur per ordinara homa prudento, kiel tio fariĝadis!

Laŭvere! Mi sciis neniam, kion pli admiri: ĉu tiun lian universalan sciencon kaj talenton, ĉu tiun lian grandegan laboremon, ĉu tiun lian mankon de ĉia vanteco kaj fiereco, ĉu tiun lian simplecon, permesantan al li malaltiĝi ĝis plej eĉ vulgaraj mensoj, ĉu fine tiujn ĉi liajn nekalkuleblajn servojn por la socio kaj apartaj homoj.

Estis — mi ripetas — la homo efektive tiel fenomena kaj nekomprenebla, ke mi tute ne miras, ke estis homoj, kiuj ne volis kredi tiun ĉi lian vere sorĉfaran laboremon kaj multkreadon.

Ĉar konsideru nur:

Por plejfundamente kritiki kaj priparoli la tutan agadon de ĉiu alia aŭtoro — sufiĉas ordinare unu serioza kritikisto de egala kun li talento. Sed kie, kie estas tiu ĉi granda biografiisto kaj kritikisto, kiu povus kaj scius priskribi detale la kolosan kaj universalan agadon de Kraszewski? Klopodis jam pri tio kolektive ĉirkaŭ kelkdek da tre kapablaj kaj instruitaj polaj verkistoj,[14]) tamen kiom ili estis malproksimaj ne nur de elĉerpo, sed eĉ sole de ekrego de objekto! Klopodis jam pri tio ankaŭ unu el plej eminentaj polaj scienculoj kaj kritikistoj, profesoro de lvova Universitato, D-ro Petro Chmielowski, kaj oferinte al tre vasta monografio de Kraszewski[15]) multegon da laboro, studoj, serĉoj, esploroj — donis en sia verko nur la malfortan „skizon“ de ĉi tiu miriganta agado; Sekve, ĉu ne juste diras glora pola literaturisto, Aleksandro Swientochowski (= Svientoĥovski): „Al pigmea malgrandeco ni kuntiriĝas en sia propra konvinko, kiam ni pensas pri ĉi tiu titano kaj lia laboro. Kio ni estas kontraŭ li, ni, sur unu volumeto rajdantaj al la senmorteco kaj forte antaŭenpuŝataj de niaj amikoj? Ĉu eĉ la plej laboremaj inter ni, ne estas ankoraŭ lazzaron'oj maldiligente elvarmiĝantaj sub la radioj de la suno“?

Rememorante tiel ofte pri tiu ĉi senekzempla literatura multproduktado de Kraszewski, mi ĉiam pensas nature ne nur pri ne elĉerpebla lia giganteco kaj diversflankeco, sed antaŭ ĉio: pri lia interna kvalito kaj valoro. Ĉar se estas malfacile kompreni eĉ nur lian flankon tute meĥanikan, des pli ankoraŭ devas nin mirigi lia preskaŭ ĉiam neordinara samtempe literatura valoro, lia multfoje granda socia graveco.

Ankoraŭ pli:

Ĉiu aŭtoro scias tre bone, ke eĉ en plej malgrandan verkon de simila enhavo, kiel grandega parto da verkoj de Kraszewski, oni devas senkondiĉe inspiri almenaŭ unu fajreron de sia animo, almenaŭ unu parteton de sia vivo . . . Sekve, kiel estis grandega lia spirito! Kiel estis ne komparebla lia viva forto!

Do ni ne povas miri, ke Kraszewski, precipe de post sia jubileo, eĉ inter fremduloj pli kaj pli renkontis adorantojn kaj ke multe da liaj rakontoj

[14]) Vidu: „Księga Jubileuszowa dla mzczenia 50-letniaj dziakalnoşci J. I. Kraszewski“ („Jubilea librego por la honoro de 50-jara Literatura Agado de J. I. Kraszewski“). Warszawa-Varsovio. 1880. Formato de 4°. Paĝ.: 6 s. n. + CIX + 527 + XVIII + 5 s. n. = 660 kun 28 gravuraĵoj kaj faksimiloj.

[15]) Chmielowski Piotr Dr. Prof.: „J. I. Kraszewski. Zarys historyczno-literacki“ („J. I. Kraŝewsk. Historia-literatura skizo). Kraków-Krakovio. 1888. Formato de granda 8°. Paĝ.: III + 534.

kaj romanoj oni komencis traduki en ĉiujn pli gravajn lingvojn.[16]) Ankaŭ oni sendis al li senĉese el ĉiuj flankoj de Europo kaj Ameriko grandegajn faskojn da diversaj francaj, anglaj, germanaj, italaj, svedaj, hungaraj, bohemaj, rusaj k. t. p. gazetoj, broŝuroj kaj libroj parolantaj pri li, kiel pri sola en ĉiuj tempoj aŭtoro, kun kiu koncerne de la multkreado — neniu povas esti komparata.

Kiomfoje mi legis similan artikolon aŭ libron pri Kraszewski, mi ĉiam rememoris la sekvantajn vortojn de eminenta pola humoristo, „ĥirurgo de filosofio kaj de natura kruco kavaliro“, Aŭgusto Wilkoński:

„Se vi en la verkoj de Kraszewski la literojn kalkulus — estus ili almenaŭ dekkelkoj da milionoj; se vi la inkon restituus — estus kelkdekoj da „garniec’oj“[17]); se vi la plumojn kolektus — vi povus fari, sur mil’ da flugiloj, aeran[18]) ŝipveturadon el Varsovio al Ameriko; se vi la paperon amasigus — vi povus en iu ajn el distriktaj urboj surglui per ĝi ĉiujn konstruaĵojn ekstere kaj interne; se vi fine ĉiujn pensojn kunpelus sur unu foiron — estus tiam tumulto, bruego, kriego kaj malpacaj disputoj aŭdeblaj kelkdek mejlojn ĉirkaŭe.“[19])

Hodiaŭ oni ne povas kontraŭdiri, ke kvankam supraj vortoj estis tiam (t. e. ankoraŭ 1847 jaro!) eldiritaj iom ŝerceme, ke kvankam ili povis tiam enhavi nemalmulte da troigo kaj fantazio, tamen nun ili jam tute ne elvekas rideton, sed, kontraŭe, ili vekas tre argumentitan konvinkon, ke ili jam absolute ne difinas sufiĉe ĉi tiun nekompareblan, tiun preskaŭ fablan kaj superhoman multkreadon de Kraszewski. Ĉar kiel grandege de tiu ĉi tempo ankoraŭ disvastiĝis la sfero de lia titana agado! Kiel multe pligrandiĝis, malgraŭ liaj malsanoj, herkulesaj liaj fortoj!

„Mi opinias — diris pri li Prof-o D-ro Estreicher, kalkulinte laŭ lastaj kvar jaroj liajn verkojn — mi opinias, ke lerta kaligrafiisto ne povus pli transskribi dum ĉi tiu tempo, en kiu Kraszewski ĉiun tian verkon pli aŭ malpli arte pripensis, agantajn personojn vivigis, ĉion mem propramane skribis, ofte refoje transskribis. Tiu ĉi rapideco superas efektive ĉian pri ĝi ideon imagon. Mi povas lin admiri, ĉar mi mem estas alkutimigita al la malfacila laboro. Ĉi tiuj nur malŝatas tion, kiuj neniam laboris serioze,

[16]) Sed, bedaŭrinde, tre juste oni povas miri, ke malgraŭ tiel alta posteno de Kraszewski en pola literaturo, oni tradukis ĝis nun nek unu lian verkon en lingvon Esperanto. Tamen ĉi tio okazis sendube nur tial, ke ĉiuj polaj tradukistoj penas ĝis nun interkonigi alilandajn niajn samideanojn sole kun kelkaj plejnovaj polaj prozaŭtoroj. Cetere, ni ankoraŭ havis nek rimedon, nek eblecon, nek tempon por prezenti al esperantista mondo eĉ kelkajn plejgrandajn niajn verkistojn de XIX jarcento.

[17]) „Garniec“ — pola mezuro = 4 litroj.

[18]) Kraszewski en la daŭro de tuta sia vivo skribis nur per anseraj plumoj.

[19]) Rakonto sub titolo: „J. I. Kraszewski en Varsovio“ (1847).

sekve pri tia laboro ne havas eĉ ideon. Cetere por la limakoj, kuro de la leporo estas ĉiam humiliganta; ili volus nature, por ke li, kiel en la fablo, ekdormu sur duona vojo, ĉar apenaŭ tiam ili lin povus antaŭveni.

„Suprenlevu la ŝultrojn, vi etaj kaj nekredantaj! Li ĉiam vin superkreskos! Ĉar kvankam ne ĉiam lia fantazio estis brila, kvankam ne ĉiam lia tiel malforta sano permesis al lia nelacigebla menso egale labori, tamen la fruktoj de lia laboro ĉiam estis sanaj, nutrecaj kaj plifortigantaj“ . . .[20])

Jes — efektive. Malgraŭ multaj liaj verkoj mezvaloraj aŭ eĉ malgravaj, li ĉiam mirigos la nuntempulojn kaj posteulojn per neelĉerpebla sia multkreado kaj sia talento! Tamen, se tiu eminenta verkisto povus krei senkompare malpli, estus eble plibone . . . . . Lauvere, ni jam ne havus tiam okazon admiri la grandegecon de plej diversaj liaj verkoj, sed anstataŭ tio, la pola kaj universala literaturo profitus sendube . . . Alia nur afero ĉu tiam influo de Kraszewski sur popolamasoj de lia lando estus tiel grandega.

Ĉi tio estis — parolas pri li Prof-o Johano Nitowski — ĉi tio estis menso ne tiom profunda, kiom pli ĝuste tre vasta. Li estis verkisto, kiu ĉirkauprenis ĉiujn regionojn, ĉiujn fakojn de la scienco, ĉiujn kampojn de intelekta laboro. Li estis laboranto, kiu tenante senĉese manon sur pulso de vivo de nia nacio, amasigis en sia brusto kaj eksentis ĝiajn bezonojn, dezirojn, aspirojn . . .

„Kaj tio ĉi estis unua grado de grandeco de Kraszewski“.[21])

Koncerne min, mi opinias, ke se lin ne konsumus tiu eterna febro de konstanta multkreado, tiu eterna avideco de senĉesa ŝanĝo de la temoj kaj specoj de laboro — li tiam ne estus povinta havi sur polan nacion nek eĉ duonon de ĉi tiu influo, kiun li havis efektive. Aŭskultu ni cetere, kion li mem parolas pri tio kaj kiel li penas pravigi sin je faritaj al li riproĉoj en tiu ĉi direkto. Mi havas sub la mano du liajn leterojn al John of Dycalp (pseudonimo de pola aŭtoro: Placyd Jankowski), ankoraŭ el 1841 jaro kaj lian aŭtobiografion skribitan jam ĉe fino de lia vivo. En unua el tiuj leteroj de 20. Aprilo 1841 jaro, diras Kraszewski:

„Vi riproĉas al mi, ke mi skribas tro multe da verkoj kaj ke mi tiamaniere pereigas la talenton, kiu estas — se ĝi estas — en mi. Permesu do ekskuzi min. Mi tute zorgas nek pri mi, nek pri miaj skribaĵoj k. t. p. Mi havas alian celon. Ni ne kredas la literaturan senmortecon kaj mi nemulte atentas la gloron. Mi nur varmege deziras per miaj verkoj, per mia ekzemplo, krio, batalado k. t. p. veki, ekmovi, vivigi,

[20]) Estreicher Karolo Prof-o D-ro: Jubileo J. I. Kraszewski. Lvovo. 1878. Paĝo: 17.

[21]) Nitowski Jan: „J. I. Kraszewski i jego dzieła“ (J. I. Kraszewski kaj liaj verkoj“) Varsovio. M. Arct. 1905. Paĝo: 78.

eksciti, volontigi, por malfermi la vojojn al aliaj, por disĵeti ideojn vagantajn en mia kapo. Jen mia celo, jen mia gloro, kiun mi deziregas — gloro de ekscitinto. Kaj sole pro tio mi tute nek prilaboras tion, kion mi skribas, nek zorgas pri la estonteco de miaj verkoj. Mi nur atentas tion por eksciti unuajn, por disflamigi aliajn. Unuan vojon malferminte, mi ĵetas min sur la alian. Tiel mi skribas, tiel mi vivas kaj tial mi deziras por ke iam oni diru pri mi, ke dum miaj tempoj mi ankaŭ kunlaboris por la vekiĝo de la literatura kaj civilizacia movado."

Tiuj ĉi vortoj plej bone atestas pri eksterordinara modesteco de tiu ĉi granda viro, sed donas nenian ideon pri liaj ĉiuj grandegaj meritoj.

En la dua supre citita letero, Kraszewski tiel ankoraŭ skribas:

. . . „Vi ekvidos plu, kiajn mi elvokos la tute novajn kaj grandajn esperojn de aŭtoroj; oni ne neu al mi iam eĉ tion, ke mi ĉiam kaj ĉie alvokis, ekscitis, kuraĝigis kaj eĉ insultis, por ke nur oni skribu kaj oni legu. Mi ripetas al vi — tio estas mia merito kiun mi ŝatas pli alte ol ĉiujn miajn verkojn."

Fine, en sia aŭtobiografio: „Sendormaj noktoj"[22]) sub impreso de spertataj tiam nekalkuleblaj moralaj suferoj — Kraszewski tiel esprimas kun vera amareco kaj kordoloro:

„Memorante kaj vidante, kio min renkontadis kaj renkontas en mia vivo, mi ne atendas pli bonan estontecon.

„Hodiaŭ, ankoraŭ la kritiko havas certan konsideremon por mia . . . aĝo; ĝi atendas ĝis mi eksilentos . . . Mi jam aŭdas tiun ĉi kriadon, kiu post mallonga tempo leviĝos kontraŭ mi — kiam oni presos mian nekrologon. Tiam diversaj kritikistoj, kiuj eĉ atribuis certajn meritojn „al populariganto" — argumentos tre facile, kiel grandegajn malutilojn, kiel teruregan influon eligis ĉi tiuj miaj verkaĉoj, ĉi tiu mia senfina fiskribaĵo . . .

„Certe neniu povas esti pli severa por si, kiel estas mi mem. Mi konas bonege negativajn flankojn de miaj verkoj; mi pesis tion kaj konsideris ne unu foje: ĉu mi ne devus eksilenti aŭ ŝanĝi la manieron de mia laboro. Malgraŭ tio mi restis ĉe mia malbona ĉu bona sistemo, sed kiel mi opiniis kaj opinias adaptita al modernaj bezonoj en Pollando.

„Mi ne trolaŭdos min per tio, sed la konscienca trarigardo de diverspecaj miaj verkoj facile konvinkos ĉiun respektindan kritikiston, ke mi jam de longe eldiris certajn pensojn, notis la dezirindajn sociajn bezonojn, komencis multe da aferoj, kiuj apenaŭ hodiaŭ efektiviĝas kaj disvolviĝas.

„Ne unu el tiuj deziroj atendis dek jarojn aŭ eĉ pli. La penson ĵetitan de mi ne unufoje oni forgesis aŭ pli ĝuste oni ne memoris ĝian aŭtoron.

[22]) Kraszewski J. I.: „Bezsenne noce", en pola semajna gazeto: „Tygodnik Ilustrowany" de 1888 j., N-ro 272, paĝo: 162.

Mi ne postulos, kompreneble, konfirmon de propraĵo aŭ iniciativo, sed mi nur konsolas min, ke mi multe antaŭvidis kaj antaŭsentis. Cetere, mi pli ĝuste komencis kaj pripensis, ol mi sukcesis fini.

„Nature, la homoj de aliaj temperamentoj kaj karakteroj riproĉos min, ke mi devus limigi mian laboron, fari ĉiam malpli, sed pli zorgeme kaj pli bone. Tamen, dio kreis min tian kaj ne alian — sekve mi iris laŭ la montriloj de mia propra spirito. Mi ne povis alie".

„Tiel same oni povus riproĉi al ĉevrono, ke ĝi ne estas trabo aŭ al pino, ke ĝi ne estas kverko."

Kaj vere! Ĉu estas eble akuzi lin pro tio, ke li ne sciis esti io alia, kiel nur . . . la giganto de laboro?

Kiom da tempo havis ĉi tiu centbraka koloso por kiel plej diligente observi en la tuta mondo — literaturan, sciencan kaj artistan movadon kaj kiel plej vigle interesiĝi je ĉio kaj ĉiuj! Ekzistis nek objekto, scienco, arto, nek unu pli konata homo, ne estis faktoj kaj okazoj pri kiuj li scius nenion aŭ en siaj ne kalkuleblaj korespondoj al gazetoj ne aludus almenaŭ unu fojon. De la plej profundaj filozofiaj problemoj ĝis la plej simplaj pagataj anoncoj en . . . „Varsovia Kuriero" — je kiuj li ne unufoje turnis mian atenton — nenio estis fremda por li!

„La nomo lia — diras tre merita pola historiisto, Aleksandro Kraŭshar la nomo lia estis sur buŝo de ĉiuj. Per verkoj liaj sin nutris la tuta pola socio, ĉar li per sia nelacigebla multkreado plenigis senĉese la preskolonojn de la gazetoj, la librejajn fenestroekspoziciojn kaj la teatrajn scenejojn. Krom tio, per sia aŭtoritata voĉo li direktis konstante ĉiujn aferojn de literaturo, belarto, politiko, historio, arĥeologio, filozofio ankaŭ milajn detalojn kaj bagatelojn de socia-nacia vivo de Pollando." [23])

Kaj de tie ĉi ne unu el liaj adorantoj imagis al si, ke Kraszewski estis ĉiam enfosita en manuskriptojn kaj librojn, ke li nur senĉese skribis siajn verkojn kaj nekalkuleblajn siajn artikolojn.

Tamen tiel ne estis.

Ĉar kiel ni vidis, li estis ĉiam okupita de la mateno ĝis la vespero nur per korespondo, per legado, per pentrarto, per muziko, per promenado, per akcepto de la gastoj, per transskribo de antikvaj manuskriptoj kaj de la propraj malnetskribaĵoj/unuvorte, per kio vi volas, nur tute ne per skribado de miloj da siaj artikoloj kaj de centoj da siaj verkoj, dank' al kiuj li estas ja plejmulte konata en la mondo.

Jen, kion li eĉ mem diras pri tio en unu el siaj leteroj al pola literaturisto, Konstanteno Podwysocki:

[23]) „Kartki Pamiętnika" Alkara („La paĝoj el Memorlibro" de Alkar = Aleksandro Kraŭshar). Krakovio. 1910. Paĝo: 103.

„Vi demandas min, de kio mi tion prenas? Tamen mi ĵuras al Vi je honoro, ke mi perdas pli da tempo por la desegno, la pentro, la transskribado, la legado, la pripensado, ol por la skribo. Nur kiam mi sidas skribi — tiam mi alkroĉas, kiel la hirudo, al papero kaj kuras al fino . . .“ [24])

Ĉerte vi eĉ ne kredos min, legantoj, kiam mi diros, ke Kraszewski por la tuta grandegeco de ĉiuj siaj literaturaj laboroj apenaŭ bezonis nur 5 ĝis 6 horojn ĉiutage, ĉar li skribis proksimume de la $7^1/_2$ vespere ĝis la 12-a, la 1-a aŭ plej malfrue ĝis la $1^1/_2$ post la meznokto kaj antaŭ ekdormo li kutime ankoraŭ legis ĉiajn literaturajn novaĵojn el kiuj li poste presis la raportojn en diversaj gazetoj.

Post la vespera teo li jam ne akceptis kaj interparolis kun neniu.

Apenaŭ tiam li komencis labori kaj skribi serioze.

Ĉiuj liaj okupoj tagaj, estis ankoraŭ nenio, kompare kun kelkaj horoj de ĉi tiu laboro — nokta.

Sidiĝinte al skribtablo kaj pretiginte antaŭe certan kvanton da anseraj plumoj [25]) li skribis jam sen momento da ripozo, li skribis sendeteneble, senatingeble. Por tute plenigi per malgranda kaj sufiĉe legebla skribkaraktero unu paĝon, li bezonis ne pli ol ĉirkaŭ 10 minutojn. Por ke lin nenio povu haltigi en la laboro, li skribis kutime sur la apartaj kartetoj de letera paperfolio in 8-vo, kiun jam oni liveris al li distranĉitaj el la paperfarejo.

Sur la skribtablo de Kraszewski, mi trovis ĉiutage aliajn arojn de ĉi tiuj kartetoj, tute plenigitaj de unua ĝis la lasta!

Kreskis ili kaj kreskis, kvazaŭ pasto sur feĉo!

„Mirigita de grandegeco de lia laboro — rakontas pri Kraszewski en sia artikolo, pola romanverkisto Mikaelo Wołowski — mi demandis lin de kie li prenas por tio la tempon.

— A! iel ĝi troviĝas — li respondis. La volumon mi skribas ordinare dek tagojn sur la kartetoj je unu flanko, mi skribas sen ripozo, se mi jam havas la tipojn kaj gvidantan penson. La planojn mi faras neniajn. Mi nur komencas kaj la afero iras mem. Ĉe la komenco de romano mi scias neniam, kio fariĝos kun ĝiaj herooj. Tio iel mem komplikiĝas kaj disvolviĝas. Fininte, mi legas ĉion. Tion, kion al mi ne plaĉas — mi forjetas kaj mi skribas sur novaj kartetoj. La manuskripton mi ne havas inklinon plibonigi aŭ korekti kaj mi faras tion neniam. Tiun saman

[24]) Jubilea Librego (en lingvo pola) por la Honoro de la 50-jara Literatura Agado de J. I. Kraszewski. Varsovio. 1880. Paĝo: LXII.

[25]) Ŝtal-plumojn, kiel mi jam aludis supre, Kraszewski uzis neniam. Sed ne nur en tio li estis konservatisto. Li ankaŭ laboris ĉiam nokte ĉe olea lampo kaj li ĉiam ordonis vintre, anstataŭ karbo, hejti en forno per ligno kvankam tio en Dresdeno estis vere stranga . . .

sistemon mi ankaŭ praktikas en miaj historiaj laboroj. Mi ne komencas la verkon ĝis kiam mi bone komprenis tutan materialon, kiu post eniro en mian kapon forflugas el ĝi neniam". [26])

Mi havas ankoraŭ antaŭ mi ian karteton el la malnovaj manuskriptoj de Kraszewski, karteton en kiu li mem tiel ree parolas pri sia multkreado kaj laboro:

„Mi komprenas, ke iu alia distrita, disŝirita je ĉiuj flankoj — ne povus havi sufiĉan forton por tiel multaj okupoj . . . Mi alkutimiĝis. Kaj ĝis kiam tiel estas, ĝis kiam tiu ĉi movado forportas min kaj antaŭpelas, ĝis kiam la turniĝo de fremdaj kaj miaj propraj pensoj, forrabas min kaj entuziasmigas, ĝis tiam mi al vi servas, skribas, vivas . . . Sed kiam mi eĉ unu fojon restos malantaŭe kaj ekvolos ripozi — tiam mi diros jam al vi: adiaŭ! . . . Ho! tiel multe estas en ĉi tiu vivo da amareco kaj da ĉagreno, tiel multe oni devas toleri de l'homa malico kaj malsaĝeco, ke oni devus havi profundan konvinkon kaj fortan impulson por povi longe persisti! Jam, kiam mi estas nur rigardanto de fremda laboro [27]) kaj kiam mi eksidas ripozi, certe mi jam ne ekvolos iri tiam duan fojon en ĉi tiun fajron, kie forbrulis la plej belaj jaroj de mia juneco . . . Sed mi ne bedaŭras ilin! Almenaŭ iuj aprobis kaj konfirmis, ke mi helpis al evolucio de la vivo kaj literatura movado en Pollando, ke mi ekscitis unujn per ekzemplo kaj persvado, ke mi vigligis aliajn per petoj aŭ sarkazmoj . . .

„Tio al mi sufiĉas. Tio estas mia rekompenco — tio la plej bela laŭr-krono por mi . . ."

## *III.*

*Tre doloriga okazintaĵo, kiu enmiksiĝis en la vivon de Kraszewski. — Malgraŭvola ĝia kaŭzinto Bronislavo Zaleski. — Hontinda denunco de Arnimo Adler. — Malliberigo de Kraszewski en Berlino. — Lia estado kaj, kiel ĉiam, lia eksterordinara multkreado en Moabito. — Intertempa lia liberigo post depono de 30 000 markoj da kaŭcio kaj lia reveno al la hejmo. — Liaj moralaj kaj fizikaj suferoj. — Sola kontraŭ ili medikamento: preskaŭ superhoma lia laboro. — Leipziga proceso kaj kondamno de Kraszewski al malliberejo en Magdeburga fortikaĵo. — Lia alveno al Magdeburgo. — Lia maniero de l' vivo en fortikaĵo. — Lia ankaŭ tie ĉi preskaŭ ne kredebla multkreado. — Vera favoro de mallibereja estraro por Kraszewski. — La bondeziraj klopodoj de Ŝia Reĝa Majesteco Itala Reĝino Margareto kaj de aliaj altrangaj personoj, por liberigi, kvankam intertempe, nian malliberulon. — Lia duonjara forpermeso kaj fine — lia morto.*

[26]) „Echo Muzyczne, Teatralne i Artystycne" = Varsovia semajna gazeto: „Muzika, Teatra kaj Artista Eko", N-ro 185 de 1887, en artikolo: „Lo on mowt o sobie" = Kion li parolis pri si".

[27]) Tamen li estis neniam tiu nur rigardanto . . .

. . . „Tuta lia longa vivo estis sen makulo kaj direktis lin neniaj malaltaj impulsoj.“

(El verdikto de Leipziga Juĝo en afero de Kraszewski.)

Kaj tiel ĝis la morto — la vivo de Kraszewski povus forflui trankvile en ĉi tiu grandega kaj honordona laboro por la nacio kaj por la homaro . . .

Sed malfeliĉe, en ĉi tiun plenan da meritoj lian vivon, nur dank' al neelĉerpebla boneco de lia koro, enmiksiĝis, bedaŭrinde, tre doloriga okazintaĵo . . .

Tamen ne tie ĉi estas loko rakonti detale pri ĉi tiu afero. Sekve mi penos ĝin priskribi, kiel eble plej mallonge:

Mortinta en 1880 sekretario kaj bibliotekisto de Pola-Historia-Literatura Societo en Parizo, Bronislavo Zaleski, merita laboranto sur la socia kaj literatura kampo, ankaŭ unu el malnovaj amikoj de Kraszewski — sin trovinte kune kun sia familio, en tre malfacila materiala situacio, komencis sendi al Kraszewski leterojn post leterojn, petegante lin por ke li ekvolu interperi al li en livero por unu el parizaj redakcioj, tute cetere ne sekretajn, sed nur malfacile akireblajn en Franclando, materialojn, koncernantajn germanan armeon, por kio oni promesis al Zaleski sufiĉe altan honorarion, kiu por malriĉa kaj malsana ekzilito povus esti sola rimedo de savo.

Malgraŭ tio, Kraszewski ne dezirante impliki sin en iajn ajn politikajn aferojn, kelkfoje sendis, kiom li nur povis, sian propran monon al Zaleski kaj konstante senkulpiĝadis, pro kio li ne povas „interperi“ en ĉi tiu afero.

Tamen tio nenion helpis.

Zaleski tiel longe lin petegis kaj turmentis per siaj leteroj, ke Kraszewski, morteme lacigita de ili, decidis fine skribi al sia konatulo, viena ĵurnalisto Arnimo Adler, demandante lin, ĉu li per siaj rilatoj en Berlino ne povus liveri por lia amiko Zaleski postulitajn de li materialojn.

Kaj ĉi tio — pereigis Kraszewski'n.

La homo, al kiu li iam tre multe morale kaj materiale helpis kaj al kiu tial li turniĝis kun tuta konfido montriĝis, ho ve! plej abomena fripono. Ĉar, kiam Kraszewski ne volis por postulita de Adler granda sumo elaĉeti siajn leterojn, koncernantajn ĉi tiun aferon, Adler minacis antaŭe al Kraszewski, en la daŭro de longa tempo, ke, se li ne ricevos la monon, li senkondiĉe denuncos lin al princo Bismarko — kaj post kelkaj jaroj li ĉi tion faris — efektive.

Sekve, dank' al tiu malnobla denunco, kiam Kraszewski tre lacigita kaj malsana revenis el Pau — li estis tute neatendite laŭ ordono de Bismarko, la 13an de Junio de 1883 j. arestita en Berlino, kie por ripozo

li haltis en la hotelo: „Kaiserhof“ kaj kie jam oni embuskis, por nur lin kapti . . .

Tiamaniere malliberigita kaj lokigita en la konata berlina' esplora malliberejo, Moabito (fako hospitala N-ro 13), Kraszewski travivis tie meze de moralaj turmentoj tutajn 8 semajnojn t. e. de la 14a de Junio ĝis la 7a de Aŭgusto de 1883.

Tamen malgraŭ spiritaj kaj fizikaj doloroj li tiel energie laboris en Moabito, ke dum 17 tagoj t. e. de la 14a de Junio ĝis la 1a de Julio, li skribis duvoluman rakonton s. t. „Psiawiara“ („Kanajlo“). Plue de la 1a ĝis la 18a de Julio li skribis ree duan romanon s. t.: „Od kolebki do mogiły“ („De lulilo ĝis la tombo“) kaj de la 18a de Julio ĝis la 5a de Aŭgusto li ankoraŭ kun granda talento tradukis kvin komediojn de Tituso Macciuso Plaŭto. Ĉi tio estis por li — kiel li mem diras en antaŭparolo al ili — „laboro preskaŭ deviga, ankaŭ perforta medikamento en la doloraj tagoj de izola kaj sole ebla okupo, kiam la menso estis tiel ĵetegata kaj baraktata, ke ĝi devis per ĉi tiu laboro sin deŝiri de efektiveco“ . . . Kaj tial, ne estas mirinde, ke „forfluis“ al li tolereble, ĉe tiu traduko „longaj horoj de malcerteco kaj timo.“

Sed baldaŭ alvenis la tago de la 7a de Aŭgusto de 1883 j. en kiu, dank' al noblaj klopodoj de fama pola historiisto kaj advokato Aleksandro Kraushar, ankaŭ de lia amiko, berlina advokato, D-ro Juliano Goldschmit — Kraszewski post plej preciza kuracista ekspertizo kaj post depono de 30000 markoj estis intertempe liberigita.

Do li revenis Dresdenon.

Ĉie tie ankaŭ, kiel en la moabita liberejo, atendante la proceson, kiu kvazaŭ la Damokla glavo estis pendigita super lia kapo, li trovis moderigon de siaj ĉagrenoj — nur en la senĉesa laboro. Sekve li skribis senhalte, skribis seninterrompe kun eksterordinara rapideco. Krom plej diversaj ĉiutagaj okupoj kaj grandega, kiel ĉiam, korespondado, li sciis en la daŭro apenaŭ de sep monatoj skribi ne nur 12 volumojn de historiaj romanoj („Dwie królowe“ = „Du reĝinoj“, „Infantka“ = „Infantino“, „Banita“ = „Ekzilito“ kaj „Bajbuza“), sed ankoraŭ skribi 2 volumojn de ŝatinda sia aŭtobiografio sub titolo: „Noce bezsenne“ t. e. „Sendormaj Noktoj“ [28]).

Sed estas facile kompreneble, ke eĉ ĉi tiu superhoma laboro, momente nur, bedaŭrinde, kvietigis moralajn liajn suferojn, ĉar li neniam povis longe forgesi pri atendanta lin en Leipzig juĝa — politika tragikomedio. Penso pri ĝi senĉese turniĝante sub lia kranio, enpenetris profunde en lian cerbon, enpremiĝis perfide en lian animon, eniĝis mordante en lian koron.

[28]) Chmielowski Petro Prof-ro D-ro: J. I. Kraszewski Zarys Historyczno-Literacki (J. I. Kraszewski. Historia-Literatura Skizo) Krakow. 1888. Paĝ.: 486 kaj 487.

Ne unufoje okazis tiel doloraj por li momentoj, ke ekzemple en 7-a tago de Novembro 1883 li skribis al mi: „Vere mi timis kaj ĝis nun timas, ke mi furioziĝos“ kaj en la sama tempo li skribis al eminenta pola literaturisto Adamo Plug: „Mi teruriĝis kaj ĝis nun teruriĝas ĉe penso pri freneziĝo. Estas momentoj, tiel fatalaj, ke mi jam ne havas forton regi min...“

... Forpasis fine tutaj longaj naŭ monatoj de ĉi tiuj veraj turmentoj de la malfeliĉa maljunulo kaj en la tago de la 12a de Majo de 1884 j. komenciĝis en Leipzig lia fama proceso, kiu finiĝis la 19an de Majo de la sama jaro per verdikto, kondamnanta lin je 3½ jaroj de malliberejo en la magdeburga fortikaĵo.

Ĉi tiu puno ne kaŭzis perdon de la regnanaj rajtoj.

Krom tio, en la motivoj de verdikto oni prezentis tre klare, kiel kvietigantajn por kondamnito cirkonstancojn, ke Kraszewski apartenas al fremda nacio, ke li neniam estis revoluciulo, ke tuta lia longa vivo estis sen makulo kaj ke direktis lin neniaj malaltaj impulsoj...

— — — — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Estas tre karakterize, ke Kraszewski en la lasta momento antaŭ forveturo al Magdeburgo, kien oni ordonis lin tuj veturigi post verdikto — diris al neniu, kion li volus kun si preni kaj ĝenerale, kiel li intencas aranĝi sin en la malliberejo, sed nur petis ĉeestantan varsovian redaktoron Felikson Fryze, ke li trankviligu la varsoviajn eldonistojn, presintajn liajn literaturajn korespondojn kaj kronikojn, ke li jam sendis al ili korespondojn por Majo kaj ke por Junio li ilin ankaŭ senkondiĉe sendos baldaŭ. Krom tio, li tiam donis al s-ro Fryze katalogon de diversaj libroj nepre bezonataj por siaj historiaj verkoj, kiujn li intencis tiam skribi. [29])

* * *

Sekve, unu tagon je fino de Majo 1884, en la humida kaj plena de fumo magdeburga fortikaĵo eksonis subite trumpeto, gardistoj prezentis armilojn, deĵoranta oficiro akceptis de eskorto la altrangan malliberulon kaj transdonis lin en manojn de komendanto de citadelo, generalo von Claer kaj placmajoro von Goetze.

Ni devas konfesi, ke oni akceptis tie ĉi Kraszewski'n tiel pro lia posicio en la literatura mondo, kiel pro lia malsano kaj aĝo — kun plej ebla indulgo.

Por ne laciĝi la malsanan maljunulon per senĉesa irado tra la ŝtuparo, oni donis al li tre oportunan ĉambron sur la partero, al kiu poste oni aldonis ankoraŭ unu ĉambron, dank' al kio li baldaŭ aranĝis sian malliberejan apartamenton, kiel li nur povis plejbone.

[29]) Telegrafa korespondo de redaktoro Felikso Fryze el Leipzig, en N-ro 140 de varsovia „Kuryer Poranny“ („Matena Kuriero“ de 1884 j.

La tagmanĝon oni alportadis al li ordinare el restoracio. Tamen li ofte ne kontenta pri la restoraciaj manĝoj — mem propramane preparis por si tagmanĝon. Tiam li plej ofte faris bulionon el „tapioko“, kuiris terpomojn, fritis la pecon da viando k. t. p. Teon, kafon, ovojn, li ankaŭ kuiris por si mem.

Ĉiumonate alveturis el Dresdeno lia mastrino, s-ino Florino Heinitz kaj zorgis pri pli gravaj liaj mastrumaj bezonoj.

Ĉiusabate alvenis ankaŭ „bonkora maljuna virino“ — lavistino kaj manfrapetante lin kutime sur ŝultron, diradis al li familiare:

— Ne timu, sinjoro! . . . Tio finiĝos . . . Mi jam ĉi tie vidis multajn! . . . Kaj, kiam vi estos eliranta — lasu al mi ion por memoraĵo . . . Mi estas malriĉa virino . . .

Vizitis lin ankoraŭ kelkfoje razisto, sed el liaj servoj Kraszewski profitis neniam, ĉar kvankam lia barbo atingis jam preskaŭ „ĝis talio“, li tamen permesis al ĝi kreski libere.

Lia vivo en magdeburga fortikaĵo ankaŭ estis regula, kiel ĉiam kaj ĉie, sed la tempo forfluis al li nature monotone kaj ĉiuj tagoj kaj horoj estis tute similaj inter si . . . Li leviĝadis je la 6a matene kaj preparis al si teon; poste li legis aŭ, se li povis, li ankaŭ skribis. De la 9a ĝis la 11a oni permesis al li promeni en malgranda aleo, sed matene li ne eliradis. Je la 1a horo oni alportis al li tagmanĝon. Posttagmeze li fartis kutime tre malbone — tio ĉi estis la plej dolorigaj liaj momentoj. Se estis belvetero, tiam li eliradis kaj malrapide promenadis ĉirkaŭe unu horon.

„Al la aliaj — li plendis letere al Adamo Plug, en la komenco de sia estado en Magdeburgo — al la aliaj oni permesas iatempe promeni tra la urbo, al mi — ne. Mi estas fermita en tre malvastaj limoj. Reveninte el aleo mi trinkas teon kaj de nove mi legas aŭ skribas. Sed ĉar miaj ŝvelintaj piedoj ne permesas al mi nun longe sidi, sekve inter 7a kaj 8a horo mi enlitiĝas kaj ĝis la 11a mi distriĝas per libro. Post 11a horo oni devas jam estingi lumon . . . Tamen mi ne povas ekdormi sen opio.“

Malgraŭ ĉi tio, alkutimiĝo al laboro ĉi tie ankaŭ kreis verajn miraklojn.

De la 26a de Majo 1884 t. e. de tago de alveno Magdeburgon ĝis la 3a de Junio, sekve en la daŭro de unuaj ok tagoj de restado en fortikaĵo, Kraszewski trovis jam tempon skribi la romanon s. t.: „Awantura“ („Aventuro“) havantan psikologiajn kaj artistajn mankojn, sed skribitan tre vive kaj eĉ sen plej malgrandaj postsignoj de intelekta depremiteco.

En Julio de la sama jaro li ankoraŭ skribis duvoluman rakonton s. t. „Rodzeństwo“ („Gefrataro“) kaj la unuvoluman s. t. „Nad przepaścią“ („Super abismo“), kiuj jam ne posedis ĉi tiun viglecon, kiel „La aventuro“, sed kontraŭe: ili atestis jam pri eksterordinara fortostreĉo de lacigita fantazio.

En pli malfruaj tempoj, sed ankaŭ en Magdeburgo, li skribis rakontojn: „Justka“ („Justineto“), „Król w Nieświezu“ („La reĝo en Niesviej), lastajn ses romanojn el lia granda „ciklo de historiaj rakontoj“, grandan sed ne finitan romanon el tempoj de la vilaĝana reformo sur Volinio kaj grandan parton de kvazaŭ arĥeologia verko s. t. „Starzyzna“ („Malnovaĵo“), kiun li ankaŭ ne finis.

Krom tio, li ĉi tie ankoraŭ pentris 65 grandajn akvarelojn el propraj italaj vojaĝoj, kiujn li laŭ siaj antaŭaj skizoj tute finis apenaŭ en Magdeburgo kaj tial li ilin nomis: „Magdeburga Albumo“.[30])

Ricevinte permeson posedi ĉiajn librojn kaj gazetojn li denove, kiel ni vidas, skribis rakontojn, studojn ktp. kaj krom tio li sendadis, kiel kutime, tre riĉajn korespondojn kaj kronikojn por diversaj gazetoj kaj ne malzorgis ankaŭ sian grandegan privatan korespondon, malgraŭ tio, ke ĉiuj leteroj li tiam devis skribi en lingvoj: franca aŭ germana kaj, ke ĉiaj manuskriptoj elirantaj de li kaj senditaj al li Magdeburgon, devis ne nur trairi la manojn de komendanto von Claer, sed ankoraŭ granda nombro de ili devis esti tradukita germanen kaj tiuj ĉi tradukoj pagitaj de la malliberulo. En la komenco eĉ oni postulis ke ĉiujn manuskriptojn destinitajn al presado traduku antaŭe germanen ĵurinta tradukisto. Sed poste oni konsentis ĉi tion, ke ilin nur legu la tradukisto kaj oni kontentiĝis per lia certigo, ke legitaj de li manuskriptoj enhavas nenion malpermeseblan. Koncerne la literaturajn korespondojn por varsoviaj gazetoj kaj ĵurnaloj, ĉi tiujn Kraszewski skribis komence en lingvo franca kaj polaj redakcioj tradukis ilin polen.

Sed ĉi tio ankaŭ daŭris mallonge . . .

Sekve, la justeco ordonas al ni konfesi, ke malliberejo de Kraszewski en la magdeburga fortikaĵo tute ne estis severa. Ne unu politika malliberulo povus al li envii. De ĉi tie eĉ mem Kraszewski, en la leteroj al la amikoj kaj en interparoloj kun ili, plej volonte konfesis, ke konduto de mallibereja magdeburga estraro rilate al li, estis tre nobla kaj ke la komendanto de la fortikaĵo, generalo von Claer, estis por li tre afabla, kvankam komence li estis sufiĉe nealirebla kaj fine, ke placmajoro von Goetze donis al li multe da pruvoj de sincera kunsento kaj simpatio.

— Entute, oni eĉ ne gardis min tro severe, kvazaŭ oni volis doni al mi okazon por forkuro — rakontis nia eksmalliberulo, gastante 1886 ĉe glora pola romanverkisto T. T. Jeż.[31])

Tamen, eĉ tiel kvieta malliberejo, fariĝis baldaŭ por malfortigita per malsanoj Kraszewski — eksterordinare turmenta.

[30]) Chmielowski Petro Prof-o D-ro: J. I. Kraszewski. Zeszyt Historyczno-Literacki (J. I. Kraŝevski, Historia-Literatura Skizo). Kraków. 1888. Paĝ.: 492—497.

[31]) Rawita Francisko: J. I. Kraszewski en Ĝenevo. (Pola semajna ilustrita gazeto: „Klosy“ = „Ŝpikoj“, N-ro 1138, paĝo 249).

Li, tiel antaŭ nelonge ankoraŭ kutimigita al ĉia ebla komforto, al senĉesa kuracista zorgo, al konstantaj societaj interrilatoj, fine al nekalkuleblaj adoroj kaj honorigoj — ĉu li povis tiel facile konformiĝi al sia nova situacio?

Aldonu ankoraŭ al tio pli kaj pli timigantan staton de lia sano, ĉar la 22an de Aŭgusto 1885 li havis kvazaŭ apopleksian atakon kaj tial de tiu tempo preskaŭ ĉiu pli vigla lia movo kaŭzis mankon de spiro kaj minacis per renovigo de la atako; aldonu senĉese manĝegantan lin nostalgion, je kiu en siaj leteroj el Magdeburgo li plendis multfoje; aldonu fine tiel malbonan por malsanuloj, magdeburgan klimaton, kaj tiam vi ne miros, ke li varmege deziris per ĉiu ajn kosto liberiĝi el ĉi tiuj katenoj.

Sekve, konforme al deziroj de Kraszewski — la plej proksimaj liaj parencoj kaj potencaj amikoj klopodis tre energie atingi por li almenaŭ kelkmonatan „forpermeson“ por kaŭcio, se jam ne tutan liberigon... Tamen, longan tempon insistaj penadoj kaj klopodoj eĉ de plej alte starantaj personoj, — tute malsukcesis...

Apenaŭ dank' al unuigitaj penadoj de itala reĝo Humberto, geprincoj Horacio kaj Ludmilo Falconieri, princo Antonio Radziwill, „granda kanceliero de italaj ordenoj“, grafo Cezaro Correnti, kaj antaŭ ĉio dank' al **Ŝia Reĝa Majesteco Itala Reĝino Margareto,** kiu bonvolis varmege interesiĝi je afero de Kraszewski — fine sukcesis per potencaj **ŝiaj** rilatoj kaj influoj en plej altaj kortegaj sferoj de Germana Imperio, fari almenaŭ tiom, ke oni permesis al Kraszewski post depono de 20000 markoj da kaŭcio elveturi „por subteno de sano“ je tiel nomita „duonjara forpermeso“ al Itallando kaj Svisujo, de kie li jam Magdeburgon ne revenis kaj kie, en Ĝenevo, li baldaŭ — mortis...

FINO.

Napisy pod ilustracyjami mojemi zdobiące moje Wspomnienia o J.I.Kr.

1.

Oferdonaĉoj al J.I.Kraszewski dum de Liaj Jubileaj Solenoj en Krakovio

1879.

(Ĉiuj vizaĝoj de diversaj poloj kaj fremdaj eminentuloj en tiu-ĉi bildo, estas faritaj laŭ fotografaĵoj)

Desegnis glore pola ilustristo Miĥaelo Elviro Andriolli.

2.

Enterigiro de J.I.Kraszewski de 18 Aprilo 1887 en Krakovio

(Skizis Petro Stachiewicz = Stahieviĉ)

3.

Dresdena Villo de J.J. Kraszewski ĉe Nordstrasse N-ro 31, Neustadt en 1881 jaro.

antaŭ longe ankoraŭ kutimigita al ĉia ebla komforto, al
…cista zorgo, al konstantaj societaj interrilatoj, fine al nekal-
…roj kaj honorigoj — ĉu li povis tiel facile konformiĝi al sia
…o?

…ankoraŭ al tio pli kaj pli timigantan staton de lia sano, ĉar
…ŭgusto 1885 li havis kvazaŭ apopleksian atakon kaj tial de tiu
…aŭ ĉiu pli vigla lia movo kaŭzis mankon de spiro kaj minacis
… de la atako; aldonu senĉese manĝegantan lin nostalgion. …

4.

La lasta laborĉambro de J. I. Kraszewski en Dresdeno, en lia villo, ĉe Nord-strasse, N-ro 31.

5.

Sukiennice.

6.

Portreto de J. I. Kraszewski.